6-a Jaro. N-o 5-6 Majo-Junio 1927.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20 410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.



## Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo.

### El Anglio.

#### Serĉlumo direktata sur la lernejo.

Unu el la labormetodoj de la Geinstruista Labor-Ligo (Teachers' Labour League, TLL) klarigita en la statuto estas „la koncentrigo de la publika atento je tiuj kondiĉoj en la hejmoj, lernejoj kaj alie, kiuj rezultigas la nunan malŝparon de edukada klopodado".

Ni intencas, publikigi monaton post monato sub tiu ĉi rubriko raportojn pri la kondiĉoj, bonaj kaj malbonaj, sub kiuj geinstruistoj luktadas por edukada progreso. Tiun ĉi monaton London'a instruisto priskribas la kondiĉojn en London'a lernejo.

„La lernejo estas malnovmoda trietaĝa konstruaĵo enhavanta fakon por knaboj supre, por knabinoj en la unua etaĝo kaj por infanetoj en la teretaĝo. La meznombra ĉeestantaro estas ĉirkaŭ 1.400.

Ĝis lasta tempo estis preskaŭ 20 klasoj kun pli ol 60 lernantoj kaj 6 kun pli ol 50. En la infaneta fako nediplomita instruistino gvidadis klason kun pli ol 60 lernantoj dum pluraj jaroj. Dank' al milito okazis malpliiĝo de la distrikta loĝantaro kaj nuntempe la klasoj estas iom malpli grandaj. Se okazos milito kontraŭ Ĉinio eble ni ricevos kontentige malgrandajn klasojn! . . .

La ludplaco de la knaboj estas vere danĝera areo laŭ vidpunkto de la malfeliĉe deĵoranta instruisto. Ĝi estas longa mallarĝa korto kaj en ĝi, kiam 500 knaboj sin malretenas, akcidentoj estas oftaj. Aldone al la agrablaĵoj ofte tra ĝin fluas akvo el la necesejoj. Unuflanke de la lernejo troviĝas granda stalaro, kontraŭe al la enirejo estas alia, kiun la infanoj utiligas kiel pluan ludejon. Je la tria flanko de la lernejo troviĝas fervoja ĉeflinio kaj unu el la subteraj linioj. Zorga enketo montras, ke 8 vagonaroj preterpasas dum ĉiutriminuto. Mi vidis tiom, kiom 5 vagonaroj po unufoja rigardo el mia lernĉambra fenestro. Legada leciono sub tiuj ĉi kondiĉoj estas ega farso.

Mi ne povas aŭdi unu vorton, kiun diras la knaboj kaj mi scias, ke iu faris eraron, nur kiam knabo apud la leganto levas sian manon!

Niaj infanoj estas nekredeble malriĉaj. Ĉirkaŭ 30% el la gepatroj estas senlaboraj kaj pluaj 30% perlaboras necertan vivadon kiel stratkolportistoj. Multaj el la infanoj dungiĝas post lernejaj horoj por liveri ĵurnalojn, lakton aŭ karbon. Kelkaj elletiĝas je la 3-a aŭ 4-a matene por iri al la markato „Covent garden". Estas malfacila tasko, malhelpi ilin dormi en la lernejo. Iliaj vestaĵoj estas nepriskribeblaj. Multaj el ili kunportas notetojn de siaj patrinoj petantajn, ke al ili estu permesate resti en la lernejo dum la

ludtempo, ĉar la botoj ne kovras la piedojn, kaj estas ligataj per pecoj de metalfadeno kaj ŝnureto.

Ni ofte scivolas, kio okazus, se fajro ekflamus. La ŝtonaj spiralaj ŝtuparoj estas tiel mallarĝaj, ke estas malfacile por du knaboj sin preterpasi.

El „La Instrulaboristo" (The Educational Worker) Februaro 1927. — Esperantigis: H. Stay.

# El Belgio.

## Lerneja disciplino en Belgio.

Ĉi subaj linioj estas respondo al peto de k-do Schneller.

Ĉapitro 5-a de la „Regularo ŝtata de la komunumaj elementaj lernejoj" temas pri: „punoj kaj rekompencoj" kaj diras:

Artikolo 36-a: Nenia korpa puno nek alia, kiu povus senkuraĝigi la infanojn aŭ ridindigi ilin aŭ malestimigi ilin de iliaj kunlernantoj, povas esti uzata.

Artikolo 37-a: Nuraj permesitaj punoj estas: 1. la mallaŭda bileto; 2. la aparta aŭ publika admono; 3. la rifuzo doni probonkondutan karton; (iaspeca atestilo pri bona konduto); 4. la deviga restado en la lernejo post la lerndaŭro sub la kontrolo de la instruisto; 5. la kelktempa forigo el la lernejo; 6. la definitiva forigo.

Pri la kvar unuaj punoj povas decidi la instruisto de la lernanto mem, la kelktempa forigo dependas de la lernejestro (direktoro en grandaj lernejoj aŭ ĉefinstruisto en vilaĝaj lernejoj), tiu forigo ne povas daŭri pli ol du tagojn. La gepatroj estas avertataj pri la punkialoj

Forigo dum pli ol du tagoj aŭ definitiva estas decidotaj de la urbestraro laŭ propono de la direktoro aŭ ĉefinstruisto.

Artikolo 38-a: La rekompencoj estas: 1. la laŭda bileto; 2. la probonkonduta karto (diligentenco ankaŭ) donata ĉiumonate; 3. la surskribo de la nomo sur la honortabelo, farita ĉiumonate; 4. la premioj distribuitaj (disdonitaj) je la fino de la lernjaro.

Ĉi regularo estas eldonita de la ŝtato, ĝi estas la tipo (modelo), kiun devas alpreni la komunumoj kun iaj modifoj, se ili deziras, sed la spirito de la ŝtata tipo devas esti konservata.

Ekzemple en Anderlecht, kie mi laboras, oni precizigas, ke dum la restado post la lerntago la punato devas esti okupata per utila tasko, kaj ke tiu restado ne povas daŭri pli longe ol duonan horon je tagmeze kaj unu horon je fino de la posttagmezaj lecionoj. Plie la dicido pri kelktempa aŭ definitiva ellerneja forigo apartenas al la urbestraro, kiu decidos post enketo.

Malrespekto de la artikolo 36-a povas esti punata de la tribunalo laŭ la puna kodo kaj speciala leĝo de la 15-a de Septembro 1895. (Se estas dezirinde, mi informiĝos precize pri ĉi punoj).

Ĝenerale la instruistaro estas kontenta pri tiu punmaniero, nur kiam temas pri vera sendisciplinulo, sur kiu efikas nenia alia puno ol korpa, oni bedaŭras, ke la regularo tiel bridigas.

Antaŭmilite ekzistis en malbonfama kvartalo de Bruselo „speciala klaso por sendisciplinuloj", kie la edukistoj povis iom pli libere puni. Nune tiu klaso ne plu ekzistas, ĉar ĝi iĝis malbonfama, perdis lernantojn kaj malbonfamigis samtempe la tutan lernejon, kie ĝi estis starigita.

Mi estas preta, doni pluajn deziratajn informojn.

M. Van Aelst (Bruxelles).

# El Francio.

## Disciplino en francaj lernejoj.

En francaj lernejoj la disciplino estas regita per la tipa lerneja regularo montrita en dekreto de 18-a de Januaro 1887 ĉe artikoloj 19 kaj 20. Tiu tipa regularo ŝtata servas, kiel modelo por redaktado de la departementaj regularoj, kiuj nur kompletigas ĝin. ekzemple pri disciplino indikante liston de malpermesitaj objektoj nekunportotaj de la lernantoj kaj de malpermesitaj ludoj.

**Artikolo 19:** La nuraj punoj uzeblaj de instruisto estas la jenaj: malbonaj poentoj (rapidavertiloj per cito de nomo); mallaŭdo; puno per senigo parta de la ludpaŭzo, reteno post la lernolaboro sub la kontrolo de la instruisto; provizora forigo de la lernejo.

Tiu lasta puno, forigo de la lernejo, ne povas daŭri pli ol 3 tagojn kaj la instruisto devas tuj informi la gepatrojn de la infano, la lokajn aŭtoritatojn kaj la unuagradan inspektoron.

Pli longa forigo povos esti decidata nur de la ĉefinspektoro (de la departemento).

**Artikolo 20:** Estas absolute malpermesite korpe puni (bati) la infanojn. Estas ankaŭ malpermesite al geinstruistoj ci-diri al la infanoj.

Tia estas la regularo, sed ta realeco estas kompreneble alia. La korpopunoj estas oficiale forigataj de la ekfondo de la franca ŝtata lernejo, sed estis tute neeble postuli de la geinstruistoj, ke ili apliku tian decidon ne aplikeblan pro du ĉefaj motivoj: la tromulteco de lernantoj en unu klaso kaj la tiamaj instrumetodoj postulantaj tutan pasivecon kaj silenton de la infanoj.

Kiam mi mem estis en knabolernejo (1898-1905), kiel lernanto, mi spertis la longan batostangon de malfeliĉa instruisto, devigata instrui eklegon al pli ol 100 knabetoj. Tiaj „kaserno-klasoj" ankoraŭ ekzistas nun, multaj klasoj havas 50,60 eĉ pli infanojn kaj plej bela teorio kaj vera Pestalozzieca superega amo al infaneco ne donos al la instruisto la paciencon kaj nervaro-solidecon necesajn por neniam uzi korpopunojn. Alif lanke, en Francio, malgraŭ certa emo demokratigi la instrumetodojn (tiun emon montris la cirkuleraj direktivoj de reakcia ministro Léon Bérard), ekzistas ĉiam fosaĵo inter la intruisto kaj la lernanto, lernejo estas spegulaĵo de la ĉirkaŭa socio, aŭtoritatemo regas en ĝi, devige, kaj la instruistoj estas kaptataj en reto de programoj, aranĝoj, kutimoj, ordonoj; regu la ordono en la lernejo, kiel ĝi regu en la socio, opinias niaj ĉefoj. Tamen estonta lernejo estos neaŭtoritatema, en ĝi oni multe bruos, la lignostangojn oni uzos por manlabori ne por frapi, kiam la lernantoj ne plu bezonos (estos devigataj) sidi 6 horojn potage preskaŭ senmove inter dorsobenkoj kaj skribotabloj, kiam la tutan tagon ili movos kaj laboros, kiam la instruisto ne plu bezonos egan silenton de infanoj, tiam la instruisto ne plu estos ĝendarmo.

Mi memoras, ke kiam mi estis juna, iu instruisto kutimis frapi sidvangojn, se lernantoj estis maldisciplinaj aŭ malsukcesis ian lernejan taskon, kelkfoje eĉ li mallevis la pantalonon por frapi sur haŭton mem. Kredeble por plihontigi la lernantojn aŭ ĉar kelkaj inteligentaj knaboj ofte sin kirasis interne per dika kartono. Tamen en tiu tempo jam estis malpermesata ĉia korpa puno, certe la instruisto ne frapis tiel ĉiun ajn pro timo de gepatra plendo.

Nuntempe, ĝenerale tre malofte la instruistoj korpe punas per vangofrapoj aŭ stangobatoj kompare kun la estinta instruista generacio. Kaŭzoj de tio estas pli forta konscio, ke estas leĝe, morale kaj pedagogie malpermesitaj ĉiaj korpobatoj, ankaŭ ke pro pli aktivaj instrumetodoj oni pliŝatas la agemon eĉ korpan de la lernantoj kaj ne plu postulas tomban silenton kaj ke la gepatroj estas pli kleraj kaj aŭdacemaj kaj venus riproĉi al la instruisto lian brutalecon (malmildon). Tiaj riproĉoj okazas, sed tre malofte. Mi konas nur unu instruiston, kiu ricevis inspektoran mallaŭdon (oficiale enregistritan) pro vangofrapo al lernanto post plendo de iu patro. Okazas pli ofte, ke gepatroj de sia propra movo permesas eĉ skribe korpe puni siajn infanojn, ĉar ili opinias tion necesa kaj ili tion faras hejme. Efektive tia demando stariĝas, ĉu instruisto ne havu la samajn rajtojn en la edukrimedoj de la infanoj aŭ pli ĝuste, ĉu la gepatroj rajtas pli ol la geinstruistoj, korpe puni la infanojn, kiam en hejmo (prave malprave) estas batata la infano; tiu infano obeas nur per kaj post batoj kaj la tasko de la instruisto fariĝas pli malfacila. Ĉu filon batanta patro rajtas riproĉi al lernanton batanta instruisto?

Oni povas argumenti, ke ĉefe en urboj infanoj estas tre nervaj kaj petolemaj kaj instruistoj lacegaj instruante en plenplenaj klasĉambroj kaj ke senkolera vangofrabeto pli efikas (ĉar tuj donita) ol severa puno per restigo en klasejo post la lernlaboro (tiu puno ankaŭ punas la instruiston, kiu estas devigata ankaŭ resti). Surpriza nedoloriga korpopuneto ankaŭ ŝparas voĉon de la instruisto kaj la lernanto tute ne sentas pro ĝi antipation ian kontraŭ instruisto. Sed ĉu estas eble moderigi batojn kaj kalkuli la dolorivon de la lernantoj?

Mi antaŭ nelonge aŭdis paroladon de direktoro de privata (neklerikala) novlernejo „Ecole des Roches" (Lernejo de la Rokaĵoj), en kiu li klarigis, ke tiaj korpopunetoj nekolere kaj pripensite donitaj restas efika helpo, kiam prudento kaj koro de infanoj ne povis esti trafitaj. Tiu franca konata pedagogo uzas jenan rimedon; li avertas la infanon, ke li korpe nur punos, se post trifoja averto — ekz. kalkulante malrapide ĝis 3 — la infano rifuzas obei saĝan ordonon. Plejofte infano obeas.

Infanoj scias tre bone, ke la instruistoj ne rajtas ilin frapi kaj iuj kelkfoje diras tion malkaŝe al la instruisto. Tiuj infanoj plej ofte estas nature malobeemaj aŭ en familio

trodorlotitaj; kulpas ankaŭ la gepatroj, kiuj sugestis tiun replikon (rebaton) anstataŭ helpi la instruiston interkonsentante pri la eduko de la infano.

Plena forigo estas unu el la programpunktoj de la organizitaj infanoj en komunistaj rondoj, kiuj ekzistas en kelkaj urboj, ĉefe en Parizo. Saĝe gvidata, tiu movado kontraŭ efektiva forigo de korpopunoj estus bonega kaj efika. Certe malgraŭ la leĝo kelkaj instruistoj estas ankoraŭ brutalaj (malmildaj), vere brutalaj, sed la movado kontraŭ la korpopunoj devas esti partoprenata ankaŭ de la instruistoj mem kaj ĝis nun la komunistaj infanrondoj ne estis gvidataj de kamaradoj instrufakistoj kaj tiel tiu movado montras ian troigemon infanan kaj laman unuflankecon. Oni luktu kontraŭ la korpopunoj en hejmo kiel en lernejo, kontraŭ instruistoj kiel kontraŭ gepatroj, tion ankoraŭ ne sugestis al infanoj proletariaj, seriozaj fakaj gvidantoj en Francio. Tion ankaŭ komprenu avan gardaj gepatroj, kiuj konsciu pri profesiaj malhelpaĵoj en edukado kiel en iu ajn metifako.

Rezume mi diru, ke la tuta franca geinstruistaro konsideras bonega la leĝon kontraŭ korpopunoj kvankam ofte nerigore aplikebla. Ili scias, ke ili ne devas bati la infanojn, kaj se iafoje ili batas, ili bedaŭregas. Ne rigora leĝo ebliganta esceptojn, tolerojn aŭ moderajn korpopunojn permesus brutalaĵojn. Ĝenerale la infanoj ne estas punataj tagmeze pro tagmanĝo; malofte tamen okazas, ke instruisto petas de gepatroj, ke punita pro grava kulpo infano restu tagmeze en lernejo kaj manĝu sekan (nuran) panon. Sed tia puno estas iaspece korpa, do kontraŭleĝa. Regularo ankaŭ postulas, ke infanoj ne restu punitaj dum la tuta paŭzo, por ludi iom; tio ankaŭ estas bonaĵo, sed ne ĉiam aplikata. Tre malofte oni bezonas forigi la infanon de lernejo tri tagojn (mi vidis tion nur unu fojon).

La plena severega forigo de korpopunoj ne estas nure instruista afero; ĝi estas pedagogia kaj socia afero. Tri ĉefaj postuloj de la instruistoj povas ilin helpi; unue, labora novlernejo enkondukanta novajn metodojn sen disciplino-prizorge kaj aŭtonomion, liberecon kaj korpan agadon de la infanoj — due, malmulteco de lernantoj en unu klaso (20-25 maksimume) — trie, organizo de rilatoj inter gepatroj kaj geinstruistoj per seriozaj gepatraj lernejo-konsilantaroj.

Marcel Boubou.

# El Germanio.

## Germana infanvilaĝo.

En la montara altaĵo de Turingujo, malproksime de ĉiuj urboj, la pedagogo Gustav Wynecken fondis la „Liberan Lernejokomunumon“ Wickersdorf. Wynecken intencas komplete deigi la junularon de la gepatra domo kaj en instruejo kunigi ĝin kun la instruistoj al kolektiva vivo. Tie la junularo klerigu sin kaj evoluu laŭ la junulara estaĵo. La ideoj de Rousseau (Ruso) realiĝu en alia formo. Sed la junularo estu ne nur inter si, sed ankaŭ elprenita el la familio, kiun Wynecken riproĉas, ĉar laŭ lia opinio en ĝi la infanoj estas supremitaj de la plenkreskuloj. Li intencas krei apartan junularkulturon.

Similaj pensoj iniciatis la fondon de la infanvilaĝo Wegscheide (vojodislimo). Post la milito rektoro Jaspert, servanta al la Frankfurta urboficejo por junulara refreŝigo en la kamparo, serĉante taŭgajn refreŝigejojn, venis ankaŭ en la militistarajn pafejon kaj kampadejon Wegscheide, situantajn (lokitajn) en po-kelke da mejloj grandampleksaj arbaroj sur nearba (senarba) suprego de monto. De la komandinto li sciiĝis, ke post nelonge estas la ekzercejo vendata kaj la barakaro malkonstruata. Tiu interparolo estas la komenco de la infanvilaĝo Wegscheide.

Estas ja vere, ke la unua celo de la agado de rektoro Jaspert estis, fortigi la infanojn tre suferintajn de la milita seneco kaj elmetitajn al ftizo kaj rakito, sed li volis ankaŭ forkonduki la tutan gelernejanaron almenaŭ dum kelke da semajnoj for de la grandurba bruegejo al la natura senbruejo. „Venu en la arbarojn kaj fariĝu homoj!“ Laŭ tio la barakaro fariĝis grandega „kamparedukejo“ por ĉiuj Frankfurtaj Lernejoj, diferenca de la reala

kamparedukejo nur per la amplekso. Tial ankaŭ ni trovas en Wegscheide la gajan vivmanieron de la junulara migrantejo kaj la skolta tendaro, migradon, ludadon, kantadon kaj dancadon.

La fondinto de la infanvilaĝo pensis kaj antaŭvidis por junularan sukceson. Antaŭ ĉio li volis montri al la junularo, kiamaniere el multo da homoj fariĝas komunularo, societo organizita. Tial li enirigis ĉiun Wegscheide-grupon en la neokupitan barakaron, donante la taskon al la infanoj kaj ilia gvidanto, propramove formi vilaĝkomunumon novan. La antaŭe elektita vilaĝestro ekokupas sian oficejon, igas iun polico-prezidanto, transdonas apartajn laborojn al taŭgaj reprezentantoj, kaj baldaŭ la vilaĝana agado ekvigliĝas.

La grupoj pretigas siajn barakojn ilin garnante (ekipante). Ili zorgu pri ĉiamaj ordo kaj pureco en ili kaj havas la permeson entrepreni ĉiun helpaĵon al la hejma komforto. Sed la vilaĝestro kontrolas ĉion, regulas la ĉiutagan agadon, la komunajn laborojn kaj amuzaĵojn. La policprezidanto prizorgas la publikajn laŭordajn aferojn, lertigas grupon kiel policistaron, kaj baldaŭ la plej sovaĝa kunulo scias, ke la junaj policistoj skarpe ornamitaj havas facilmovajn gambojn kaj fortajn pugnojn, tial ŝajnas konsilinde sekvi iliajn ordonojn. Vespere aŭdigas sin la nokta gardisto; por ke ne manku la poezieco, ofte lin akompanas malgranda ĥoro, kaj post la monotona kantaĵo: „aŭskultu, vi sinjoroj, bone notu tion" eksonas simplaj popolkantoj tra la varmeta somernokto Aŭdante tion la infanoj ekdormas.

Instruado regulita per instruplano kaj leciontabelo en Wegscheide estas neebla kaj ankaŭ ne dezirinda. La urbinfano en la libera naturo lernas pli multe ol tio, kion li povus lerni en la lernejĉambro iam ajn. Laŭ tio la grupo-gvidantoj kun sia aro ĉiutage marŝas foje en la arbaron, poste en la valon aŭ al la ŝtonrompejo, kaj ĉie estas videndaj novaĵoj kiuj de lerneja ĉambro ŝajnas malproksima fabellando. En la arbaroj de Spessartmontaro, troviĝas ankoraŭ grandaj ĉasbestoj, al kiuj oni povas sin ŝovi, ilin observante. Vespere la stelplena ĉielo allogas ĉiun por rigardi ĝin kaj laŭintelektan observadon sekvas la intuicio pri la tuta grandega vasteco kaj senlimeco de la mondo.

Sed en Wegscheide la infanaro povas ne nur aliri la objektojn mem, sed ankaŭ havi ĉiun okazon, por labori kaj praktiki ĉion imageblan. Tiu agado povas anstataŭi la lernejan aŭskultadon, respondadon, ripetadon, ĉar ĉiu infano ŝatas kunlabori, mem demandi, konstrui kaj amatore metii. Sed en la lernejo ne ekzistas multe da ebloj por tio. En Wegscheide ĉiu grupo povas fari tion, kio plaĉas al ĝi. Kaj oni vidas, kiel fervore la plejmulto estas sekvanta sian laboremon. Oni konstruas, lignoskulptas, eksperimentas, kolektas, oni kaŝiras la bestaron, postiras la fruktojn kaj florojn. Fidele oni zorgas pri krizalidoj (fariĝontaj papilioj). Multe da feroj estas prizorgataj sen antaŭa pripensita projekto, sed ekzistas multaj stimuloj kondukantaj la junularon al senpera tuŝado al la objektoj.

Ni foje eniru la vilaĝon sur la pura vilaĝa strato limigita per malhele verdaj abioj. Nemalgranda horloĝturo kun malproksimen lumanta ciferrondo (sed la ciferojn anstataŭas proverboj) superregas la barakaron. Tabulo artece pentrita sciigas nin, ke en la kontraŭa loĝejo loĝas la vilaĝestro. Granda nigra tabulo kovrita per publikigaĵoj kaj dekretaĵoj pruvas, ke li faras seriozan laboron. Ŝajnas, ke lia regado bone sukcesas, ĉar ĉie regas plej

granda ordo. La infanaro estas diligenta, ĝentila, kompleza kaj montras feliĉan mienon.

Vesperiĝas. Pare la infanoj iras al la granda kuirejo, por preni la vespermanĝon. Tie regas ĉe grandegaj kuirkaldronoj la „patrino“ de la Wegscheide-komunumo, zorganta por ĉies nutrado, ĉar en Wegscheide regas familieca komunismo. La familioj ne kuiras por si mem, sed estas nutritaj de la barakarkuirejo pli ol sufiĉe. Post la vespermanĝo sur la supro ekestas viglega moviĝo, kiun oni povas konsideri kiel kulminacion de la tago. Ĉiuj, unu kaj duono da miloj da kampanejanoj supre kunestas kantante, dancante kaj babilante. La vespersuno oras la ĉarmoplenan miksamason. Pli bele estas, kiam la vilaĝestro ĉi supre kunvenigas sian komunumon ronde. Tiam la grandega rondo fariĝas teatra, danca kaj prezenta salonego. La suno malleviĝas, ĉiuj kantas: „Ora vespersuno . . .“ Kelkfoje brulas ankaŭ fajro de ĝojo, ĉirkaŭ kiu la tuta komunumo ronde kampadas. Ardante la flamoj supreniĝas al la sennombraj steloj super la montara suprego, ĉiam trembrilantaj. La kvar Wegscheide-aj semajnoj akompanas la Frankfurt-an junularon en la vivon kvazaŭ lumega memoraĵo.

En 1920, 500 infanoj prove estis en Wegscheide; en 1921 ĝis 1925 estis pojare 7 – 8 000 infanoj, do sume pli ol 40 000. La jarbilanco estas ĉirkaŭ 250 – 260 000 germanaj markoj.

Laŭ raporto el „Leipziga Instruista Gazeto“
S c h n e l l e r - Leipzig.

## El fabeloj de Pestalozzi (1797).

**La monto kaj la ebenaĵo.** La monto diris al ebenaĵo: Mi estas pli alta ol vi. La ebenaĵo respondis: Estas eble, sed mi estas ĉio, kaj vi nur estas escepto de mi.

**La fajro kaj la fero:** La fajro diris al la fero: Mi estas via legitima mastro. La fero respondis: Mi konas vian potencon, sed mi neniam estimas ĝin pli malmulte legitima ol kiam vi fandas min. Tio ĉi tre malplaĉis al la fajro aroganta. Kraketis ĝi, fumis kaj parolis: Kiu kreis min, donis al mi mian forton super vi? La fero respondis: Tamen estas nur la manoj de la homo, kiuj metas min en la kamenon kaj en la fandujon.

**La malnova muro kaj la burĝa domo:** Malnova muro malestimis la burĝan domon, kiun oni konstruis sur ĝin kaj diris al ĝi: Mi jam staris sub kastelo. La domo respondis: Tio ja estas vera, sed estas ankaŭ vera, ke la restaĵoj de via ruinigita majesteco malbeligas min interne kaj ekstere, kaj estas por miaj enloĝantoj eterna malhelpaĵo en ĉio, kion ili serĉas nun komfortaĵon kaj agrablaĵon.

**La rekonata elirejo:** Ni estas ja malfeliĉaj, ke elirejo el nia valo malestas — tiamaniere lamentis ŝafoj kaj bovinoj en ĉirkaŭe barita montpaŝtejo. Kapreolino aŭdinte iliajn blendojn diris al ili: Sendube estas elirejoj el via paŝtejo, sed la paŝtisto kaj la buĉisto ilin ne montros al vi kaj por trovi ilin, oni devas esti nek bovino, nek ŝafo. La montoposedanto, kiu aŭdis la vortojn de la kapreolino, diris: Ŝajnas, ke tiu ĉi kapreolino havas specialan inklinon propagandi malbonan klerigon inter miaj bovinoj kaj ŝafoj. Ili tute ne havas la rajton, serĉi alian eliron ol tiun, per kiu miaj servistoj havas la kutimon kaj ordonon, gvidi ilin en mian stablon aŭ en mian buĉejon.

**La origino de la sangsoifo.** Kial do ĝi faras tion? demandis infano al sia patro, kiam li vidis katon ludante kun muso kaptita. Mi ne scias, tiu ĉi respondis, sed mi pensas, ke per la unua sangkrimo ankaŭ eniras la unua emo al ludo kun sango — en la animon de katoj.

**La vulpo simpligas la sistemon de la naturo.** Tiu ĉi vortestro (parolmajstro?) de la bestoj nomiĝantaj la pli nobelaj, iam certigis, ke ĉiuj malbonaĵoj en la animala regno estas kaŭsataj de tio, ke ekzistas tro variaj familioj kaj specoj en la naturo. Kaj kiel bakisto knedas la sennombran farunpolvon kaj bakas el ĝi kelkajn panojn, tiel li knedis la sennombrajn familiojn de la bestoj kaj bakis el ili du solajn specojn. La unua nomiĝis la leona klaso. Tien li metis sin mem, ĉiujn bestojn, kiuj manĝas la aliajn kaj la hundfamilion. En la duan li metis ĉiujn bestojn, kiuj ne manĝas la aliajn. Post la akcepto de ĉi tiu fundamento li fondis per volo de leono ĝeneralan regn- kaj

landregulon, kie ĉiu animalo estis malpreferita, kiu ne estis leono, vulpo, serpento aŭ hundo, sed kontraŭe ĉiu, kiu estas perfida, malnoblega kaj brutala troviĝas bone provizata.

**La vulpo interpretas la vorton uzurpo.** Kiam, sekve de malagrablaj cirkonstancoj, oni uzis tiun ĉi vorton ankaŭ ĉe la pli grandaj animaloj, la reĝo leono demandis, kia estas ĝia signifo. Via moŝto, respondis la vulpo, estas verdire en la kerno nenio alia ol la abomena konsekvenco de la erara kaj danĝera doktrino de la rajto de la brasikmanĝantoj. Oni krime arogas al si, submeti al ĝi nin, kiuj ne estas kaj ne volas esti brasikmanĝantoj.

**Johano kaj Benedikto.** Benedikto: Kvietiĝu, kara Jahano. Jahano: Mi ne povas. Mi suferas malĝustaĵon. Ben.: La religio devas konsoli vin Joh.: Helpi min ĝi devas. Ben: Helpos ĝi vin en via interno. Joh.: Tio estas maljusta. Se ĝi ne helpas min en mia ekstero, ĝi ne ekzistas por mia interno. Ben.: Vi blasfemas. Joh: Mi diras la veron. Dio kaj la kredo al Dio ne ekzistas, se la suferado de la malĝustaĵo ne ĉesas. Ben.: Mi tremas. Joh.: Se vi ne havas fortecon kontraŭ la malĝustaĵo, demetu vian kuton (sutanon), servu por aĉetebla profito kaj portu la livreon (servista uniformo-vestaĵo) de la mastro al kiu vi apartenas.

Tradukis: R. Räuber.

## Stato de nia Movado.

La saksa kasisto anoncis 229 abonantojn (225 en 1926) el Saksio. Mi enlistigis 92 (98 en 1926) germanajn (krom la saksaj) kaj 194 (188 en 1926) alilandajn abonantojn. Do per la suma nombro 515 ni jam nun superis la staton el la fino de la pasinta jaro (511). Sufiĉe granda parto de la jaro ankoraŭ povas esti uzata por varbi almenaŭ 50 novajn membrojn. Menciinde estas ke en Ĉeĥoslovakio nia rondo kreskis de 33 (1926) ĝis 59 gekolegoj, en Svedio de 3 ĝis 14. Ĉiu estu konscia pri la valoro de alkresko al nia movado kaj sentu sin respondeca pri la propagando, pri la progreso. Ĉiam sciigu al la administrejo la adresojn de gekolegoj, kiuj ne jam estas abonantoj de I. P. R. Sed ne forgesu subteni nian propagandon specimendissendon per via persona propagando. Persone skribu al la varbendaj kolegoj, montru al ili la necesecon de forta TAGE kaj ĝian specialan gravecon por la ĝenerala Esperanto-movado.

Por ĉiu nova abonanto vi ricevas rabaton de 20% de la kotizo. Kiu varbis 6 novajn abonantojn, krom tio ricevos senkostan membrokarton kaj abonon por 1928.

Administrejo.

# Ĉu reala, interna rilato ekzistas inter la formo kaj la ideo de radikvorto?

(Fino)

## B. El germana lingvo.

I. La sama ideo estas esprimata per diversaj vortoj. (sinonimoj).

„flugilo" estas flügel, schwinge, fittich. — „insulo" estas insel, eiland.

II. La sama son-strukturo nomas diversajn ideojn. (homonimoj.)

„ball" estas balo kaj pilko. — „feder" estas plumo birda, skribilo el ŝtalo, risorto.

III. La ideo restas la sama, la formo aliiĝas.

El lat.: „monasterium" iĝis agerm.: „munistiri", mgerm.: „münster", ngerm.: „münster" (katedralo).

IV. Ĉe la sama vorto ŝanĝiĝas la signifo:

„zweck" estis unue la najlo kiel centro de pafdisko, poste iĝis celo. „dirne" ankoraŭ de Luther estas knabino, poste publikino. — „frau" estas

mgerm.: „frouwe“ estas nobela sinjorino, poste virino. — „hochzeit“ estas mgerm.: hochgezit (eklezia festo ĝenerale), ngerm. estas edziĝa festo.

Rimarkigo: Tre ofte pariĝas kun la aliiĝo senca iu aliiĝo sona. Sed la unu ne dependas de la alia.

Resume: La vortoj estas pli-malpli arbitre kreitaj. Se ili trovis la socian konsenton, ili iĝis iom post iom eroj de la lingva trezoro de popolo. Ke objekto tiel kaj ne alie nomiĝas, estas sole la rezultato de tradicio. (Jam asertita de Aristoteles).

Ĉeffontoj:

Grundfragen der Sprachwissenschaft de Hermann Güntert (1925).
Bilder zur Geschichte der deutschen Sprache de Franz Linnig.

K. Giessmann, Crefeld.

# Internacia Esperanto-Servo.

**12, Boulevard du Théatre, Geneve.**

## Enkonduko de Esperanto en la sudslava fervojaro.

Per dekreto de 21. Marto 1927 (G. D. n-ro 6071—927) la Ministerio de l'Trafiko de l' Reĝlando de Serbioj, Kroatoj kaj Slovenoj decidis la uzon de Esperanto kiel helplingvon por la surskriboj kaj avizoj al vojaĝantoj en la internaciaj vagonoj de Sudslavio.

## Komerca instruado kaj Esperanto.

La Komerca Ĉambro de Vel. Peckerek (Sudslavio) organizos kurson de Esperanto kaj petis pri kunlaboro al la esperantista grupo de tiu ĉi urbo.

## Geografio per Esperanto.

Famaj pedagogoj, inter alie Prof. Bovet de la Instituto J. J. Rousseau en Ĝenevo jam rekomendis la instruadon de geografio per Esperanto. Oni nun anoncas tre interesan verkon, rezultato de kunlaboro inter Aŭstraliano kaj Finnlandano „Aŭstralio, Lando kaj Popolo“, kiu baldaŭ aperos en la pedagogiaj eldonaĵoj de Hirt u. Sohn en Leipzig.

## La stenografio kaj Esperanto.

La germana stenografia sistemo Palm estas adaptita al Esperanto de Sinjoro Wingen' la konata stenografo de l' Urba Parlamento de Köln kaj aŭtoro de alfaroj de tiu ĉi sistemo al la angla, franca kaj nederlanda lingvoj.

(El 2-a jaro, n-roj. 3, 4 — Marto, Aprilo 1927)

# El diversaj landoj.

## Esperanto en Greklando.

Post multaj klopodoj mi fine sukcesis eldonigi ministran ordonon (Ministrejo de Kulto kaj Publika Instruado), per kiu la instruado de Esperanto estas enkondukita en ĉiuj Instruistaj Institutoj de Elementa kaj Mezgrada Instruado El la institutoj de elementa instruado eliras diplomitoj destinitaj por esti instruistoj de elementa instruado, dum el la institutoj de mezgrada instruado eliras profesoroj por la mezgrada instruado, ĉar jam antaŭ la eniro en ĉi tiujn institutojn oni devas posedi la doktoran diplomon ĉu de filologio, ĉu de fizikaj aŭ naturaj sciencoj, ĉu de matematiko k. t. p.

Krom tio la komisiono de la Universitata Klubo de Ateno, kiu konsistas precipe el profesoroj de la ĉi tiea Universitato, decidis enkonduki en la Ĉiustudentan Klubon la instruadon de Esperanto. Kaj multaj gestudentoj sekvas akurate la kurson, kiun mi gvidas trifoje ĉiusemajne. La entuziasmo estas tre granda. La Ministro de Kulto kaj Publika Instruado bonvonlis enoficigi min mem kiel profesoron, por instrui en ĉiuj Institutoj de la ĉefurbo.

D-ro Stamatiadis — Ateno.

# El Polujo.

Esperanto-Press, Warszawa VII, n-ro 4, Februaro 1927.

## Mezaj kaj altaj lernejoj en Polujo.

Ok jaroj de sendependa vivo de la pola ŝtato estis akcentitaj per intenca laboro en la fako plej grava por ĉiu ŝtato: fako lerneja. Lernejoj polaj, kiuj tiom longe dum jaroj de mallibereco estis subpremataj, trovis en la tempo de sendependeco politika plej zorgan regnestraran apogon kaj flegadon.

Ligante siajn penojn kun gloraj tradicioj de la Komisiono Eduka, ekzistanta antaŭ la dispartigo de Polujo, la pola Ministerio de publika instruado komencis tuj ripari fundamentojn de publika instruado en Polujo, kiel per la vojo leĝdona, kiel ankaŭ per praktika plialtigo de nivelo de pola lernejaro.

Rezultojn de tiu ĉi laboro oni jam nun povas konstati, rigardante statistikon de polaj lernejoj:

### La fakoj de l' meza kaj alta instruado.

En la jaro 1919, do tuj post la liberiĝo politika de Polujo, pola Ministerio de publika instruado publikigis „Programon sciencan de Mezlernejo". En tiu ĉi programo celanta reformon de la programo scienca de gimnazioj, oni turnis antaŭ ĉio la atenton je t. n. „fundamento didakta". Laŭ tiu ĉi programo pola gimnazio estas lernejo okklasa tiel organizita, ke sur la sama 3-jara ĉeffundamento, nomata gimnazio malsupra, staras 5-jara gimnazio supra, posedante 3 tipojn: gimnazio matematik-naturscienca, gimnazio humanista kun latino, kaj gimnazio klasika kun lingvoj latina kaj greka. Krom tio oni faris prove tipon nehumanistan, sen lingvoj klasikaj, havantan kulturon patrujan kiel fundamenton didaktan.

En la tipo matematik-naturscienca bazon didaktan formas jenaj lernobjektoj; matematiko, fiziko, kosmografio, naturscienco kaj manlaboro.

En la tipo humanista bazon didaktan formas lingvoj: pola, latina, unu lingvo „monda" (angla, franca aŭ germana) kaj historio.

En la tipo klasika bazon didaktan formas filologio klasika, do lingvoj latina kaj greka kaj la klasika kulturo.

En privata mezlernejo ekzistas libereco por novaj kaj originalaj vojoj didaktaj; do programoj de privataj gimnazioj polaj povas diferenci kun programoj ŝtataj, tamen la privatlernejo devas rezulte posedi la samajn fundamentajn celojn, kiujn havas lernejo ŝtata.

La nuna stato de pola mezlernejo cifere estas jena:

En Polujo ekzistas 786 mezlernejoj, inter ili 267 ŝtataj kaj 519 privataj; mezlernejoj knabaj estas 313, knabinaj 252; koedukaj 221.

Plej granda nombro de mezlernejoj apartenas al tipo humanista: 499; tipon matemtik-natursciencan posedas 97 gimnazioj klasikan 83, neklasikan 16, nehumanistan 4, licean 19. Dutipaj estas 61 gimnazioj.

Koncerne la instrulingvon Polujo posedas kelkajn alilingvajn gimnaziojn ŝtatajn: 3 germanajn, 6 rutenajn (ukrainajn) kaj unu seminarion ortodoksan kun rusa instrulingvo en Wilno.

El gimnazioj privataj (519) estas 83 alilingvaj: 34 germanaj, 4 polgermanaj, 14 rutenaj, 14 rusaj, 3 blankrutenaj, 2 litovaj, 2 francaj, 2 kun hebrea instrulingvo, 5 kun juda instrulingvo.

En la lernejaro 1925-26 vizitas polajn mezlernejojn 220.922 gelernant.

Koncerne la altlernejojn estas rimarkinde, ke en la momento de l' politika reviviĝo de l' ŝtato Pola ĝi posedis 2 universitatojn (Krakovo, Leopolo), 1 politeknikon, 1 akademion veterinaran kaj 1 minejakademion. Dum la germana okupado (1915-1918) oni revivigis universitaton en Versovio kaj politeknikon, ankaŭ en Versovio. Kreo de universitatoj en Poseno, revivigo de malnova universitato en Wilno kaj dono de akademiaj privilegioj al Krakova altlernejo de belartoj iĝis jam en la tempo de plena sendependeco de Polujo. En tiu ĉi tempo oni faris malfacilan laboron organizan de studoj. Ĉar en Polujo mankis kelkfoje sufiĉa kvanto de altlernejaj profesoroj, oni invitis al polaj katedroj multajn polojn, profesorantajn en eksterlandaj universitatoj kaj krom tio oni zorgis por ligi kun altlernejoj novajn fortojn profesorajn.

La plukonstruo de altlernejaro, tiel en preparo de novaj ejoj, kreado de laborejoj kaj sciencaj helpilaroj, kiel ankaŭ en kreado de novaj katedroj marŝas bone antaŭen. Tamen tiu ĉi plukonstruo trovas multajn malfacilaĵojn, ĉefe pro la grandega alfluo de junularo al altlernejoj. Tial oni devas limigi la nombron de enskriboj al universitatoj.

# El Sovetio.

## Letero de sovetia instruisto al siaj translimaj kolegoj.

(Fino)

La epoko de l' multjara reĝimo de la cara potenco ellaboris tiom fortikajn formojn de la popola „klerigado", ke elfosi kaj eltiri ilin kun la radikoj estis tre malfacile: la radikoj vaste diskreskis kaj disĵetis la dikajn kaj maldikajn branĉetojn, ofte kaŝinte ilin tiel, ke ni komence eĉ ne rimarkadis ilin, — nur nun ili estas malkaŝataj kaj elfosataj.

La instruisto rezulte estis formita tia, ke por fariĝi konscia civitano li bezonis ĉirkaŭ ses jarojn. Li estis profana en la sciencoj, indiferenta al la ĉirkaŭanta vivo, malkonfidema al la homoj, rutinulo en sia laboro, nekapabla ekspozi iniciativon, alkutiminta vivi nur laŭ ordono.

Subite oni diras al li: „Konstruu novan vivon, fermu la malnovan lernejon kaj malfermu novan, mem ellaboru formojn, apliku ĉiujn prosperojn de l' scienca penso!"

Certe post tio vigle komenciĝis detruado de l' malnovo kaj konstruo de „nekonata" novo. Ofte rezultis, ke konstrui oni komencis de tegmento, farinte nek murojn nek fundamenton. Dum alikonstruo estis forgesata trahako de fenestroj kaj pordoj aŭ masono de forno....

Nur la naskiĝinta kredo, instinkta sento de l' movo al la lumo direktis nin kaj donadis al ni nemezureblajn fortojn.

Rezulte de nia heroa laboro ni nun vidas la n o v a n l e r n e j o n, tian lernejon, pri kia ni eĉ ne revis.

Sed ni ne kaŝas la veron: nia lernejo — la nova — havas ankoraŭ multajn mankojn. Ni ne povas prepari efektive klerajn gejunulojn por la VUZ-oj (superaj lernejoj), ni ne povas ĝisfine venki la ortografion kaj matematikan analfabetecon de niaj infanoj, ni ne povas doni ĉiujn bezonatajn teknikajn kutimojn al la infanoj, irantaj en specialajn lernejojn, k. t. p. Sed ni ne malesperas, ĉar ni scias iliajn kaŭzojn kaj la rimedojn ilin forigi — necesas nur tempo.

Nun mi konkrete listu, kiujn malfacilaĵojn ni venkas:

1. Ni ŝanĝis enradike la ideologion, bazon de la edukado kaj klerigado: anstataŭ klini la kapon antaŭ providenco de dio, antaŭ la potenco de aliu, sinjoranta super nia vivo kaj volo, per kio estis penetrita ĉiu cerbo de la „fidelaj" pedagogoj, ĉiu libro kaj lernhelpilo, — ni ensorbigas la ideon de batalo por renaskiĝo de la proletaro, la ideon de kredo nur je siaj fortoj, la ideon de enradikiĝo de la scienco en ĉiujn vivtavolojn.

2. Ni bruligas la malnovajn librojn kaj presas la novajn, kaj la cerbojn — ni renovigas en la kursoj, konferencoj, instruistaj kunvenoj kaj en kolektiva kaj individua memkleriga laboro.

3. Ni anstataŭas la antaŭajn metodojn de la laboro en la lernejo per la novaj-sciencaj; nur la enkonduko de la kompleksa sistemo enradike aliformas la tutan vivon de la lernejo kaj donas al ni la neimageblajn malfacilaĵojn: ni alkutimis labori laŭ la lernolibroj („de tie ĝis ĉi tie"), sed nun subite necesas ĉion plani, ligi kun la ĉirkaŭvivo, anstataŭi la pasivajn metodojn de la instruado per la aktivaj k. t. p.

4. Por la edukado kaj klerigado ni prenas aliajn elementojn de la scio — la infanojn de la proletaro, kiuj estas en la plejo malsanetaj fizike kaj spirite, la infanojn de malkleraj gepatroj k. t. p.

5. Ni travivas la ekonomiajn mankojn: la lernejo estas malbone ekipita, la instruistaro malmulte salajrata.

6. Ni perdis dum la milito kaj revolucio multajn kolegojn — la vicoj de la spertaj pedagogoj maldensiĝis, sed ĉar la malfacilaĵoj de nia laboro estis de ĉiuj vidataj, la pedagogia profesio perdis la ŝatadon kaj la alveno de novaj fortoj estis tre malofta.

7. Pro la ĝenerala sistemo de la konstruado en Soveta Rusio necesis elŝovi la aktualan taskon likvidi la senlegivecon (analfabetecon), la enkondukon de la ĝenerala klerigado, la penetrigon de la kulturo en la amasojn de la loĝantaro, — kaj tio certe komplikis nian laboron, troŝarĝis ĉiun minuton de l' tago kaj nokto.

Ĉiuj ĉi taskoj kaj malfacilaĵoj do kreis al ni apartan karakteran epokon de la vivo, pri kiu vi, kolegoj translimaj, verŝajne, ofte aŭdas kaj ofte konversacias.

Ŝevnik Dan.

# Esperanto en komercaj lernejoj.

Antaŭ 4 jaroj, klopodante enkonduki oficiale Esperanton en la urba komerclernejo de Pirna, mi sentis la mankon de statistiko pri tiuj kom. lern., kiuj jam instruis Esp. Ĉar estis neeble ricevi tian statistikon de iu flanko, mi alvokis en Heroldo. La sukceso? Respondis al mi unu sola samideano, kaj li eĉ ne estis instruisto, li estis s-ano Fl. en London. Ke ĉe tia interesego nia Esp.-afero bonege marŝas, tio estas evidenta! Diversfoje en la lastaj semajnoj el div. urboj demandite pri Esp.-statistiko rilate kom. lern., mi hodiaŭ publikas, kion mi private depost 1923 ĝis nun kolektis el div. esp. gazetoj, precipe el „Heroldo" kaj „Esperanto". Certe la materialo ne estas kompleta, kaj mi tre ĝojos ricevonte kompletigajn informojn, ne nur en mia, sed en ĝenerala intereso. Aliflanke mi ne povas garantii, ĉu oni ankoraŭ nun en ĉiuj nomitaj lernejoj instruas Esperanton.

Klarigoj: U signifas: urba lernejo, d — deviga instruo, o — oficiala.

Anglujo: London, 7 vesperlernejoj.
Aŭstrio: Graz. Steyr. Wien.
Bulgario: Sviŝtov. Varna.
Ĉeĥoslovakio: Bratislava, en 1 d., en 1 ne d., Brünn. Königgrätz. Olmütz.
Francujo: Amiens. Clermont-Ferrand. Dijon. Le Havre, Lyon, en 1 d., en 1 ne d. Paris, en 1 d., en 5 ne d., o., Perpignan, Roubaix. St. Amand. les Eaux, d. Strassburg, u., d.
Germanio: Berlin, en 3 priv. kom. lern. Falkenstein, u., o. Heidelberg. Koblenz. Magdeburg, en 2 priv. kom. lern. München, 2 lernejoj. München-Gladbach. Pirna, u., ne d., ne o. Worms, u.
Italio: Bari, kom. universitato. Genova, u. Lecce.
Japanio: Macazuka.
Jugoslavio: Subotica. Zagreb, kom. universitata fakultato, en 1 kom. lern. d.
Nederlando: Maastricht.
Polujo: Warschaŭ, 2 lern. d.
Rumanio: Bucaresto, o. Cluj. Foosani. Targul-Mures, u.
Svisujo: Le Locle. Olten. Zürich.

P. Gloeckner,
(Deleg. de U. E. A. — studkonsilisto kaj komercinstruisto)
Pirna, Germanio, Gartenstrasse 32.

# Legofruktoj:

Kune kun la generacio de plenkreskuloj multo neniam estas farebla en korpaj aferoj same kiel en spiritaj en aferoj de la estetiko same kiel en tiuj de la karaktero;

sed estu prudentaj: komencu aferoň en la lernejoj kaj ĝi progresos. (El Goethe, dialogoj kun Eckermann.)

(Ensendita de k-o Artur S c h o l z - Z a h n, Post Sadbor, Kreis Grünberg in Schlesien.)

* * *

Al la „Legofruktoj" en n-ro 4 de nia gazeto (citatoj el verkoj de Rabindranath Tagore k-o Elten el Hildesheim rimarkas jenan:

Antaŭ kelkaj jaroj s-ro Rabindranath Tagore, la famega hinda poeto, vivis kelkan tempon en Eŭropo kaj ankaŭ en Germanio. Mi legis en iu gazeto, ke li havis aŭdiencon ankaŭ ĉe iu germana eminentulo (sciencisto) kaj ĉar ĉi tiu ne sciis la hindan lingvon kaj Rabindranath Tagore ne la germanan, la Germano alparolis s-ron Rabindranath Tagore en angla lingvo. Se tio estas vera, estas granda malhonoro kaj hontiga kaj senhonoriga fakto por la germana popolo. Kial la germana eminentulo ne uzis la n e ŭ t r a l a n Esperanto-lingvon? Kaj kial, se li mem ne scipovis paroli Esperanton, li ne uzis German-Esperantan interpretiston? La koncerna germana eminentulo povos forlavi ĉi tiun makulon, kiun li kaŭzis al la germana honoro, nur per tuja lernado de la Esperanto-lingvo.

E. E l t e n, ekslernejestro, nun Del. de U. E. A. en Hildesheim, Prov. Hanovero, Germanio.

# La juvelo de la Esperantistaro.

## Pasko-manifestacio el Praha.

Ni staras en la Esperanto-ĉeno,
Kaj unu premu manon de alia,
Ĉu ni kun pli aŭ malpli da sukceso
Laboras ĉiu en maniero sia.

Nenies mano iam al ni manku,
Ĉenero estu eĉ la plej malforta;
Decido saĝa kvazaŭ trafluigas
La ĉenon ja per sango la aorta.

Ni staras en la signo de l' homaro.
Ĉu nia „Ismo" estas iluzio? —
Ho ne! La sonĝo pri popolpaciĝo
Ne apartenas nur al fantazio.

Ĉar fine flirtos super ĉiuj landoj
Nur unu flago kun la verda stelo,
Esperantismon ĉien anonconta,
Kaj ke ĝi restu vere la juvelo!

Origin. verk. de Gantzckow.

## Internacia laborrondo por renovigo de la edukado

sendis interŝanĝe sian germanlingvan organon „Das Werdende Zeitalter" (La estiĝanta epoko). — Abono 4 gm. duonjare. Germana sekretariejo: Fraŭ-D-ro Elisabeth Rotten, Kohlgraben b. Vacha — Rhön. — Organo por la angla regiono: The New Era, Mos Ensor 11, Tavistock Square, London WC 1. — por la franca regiono: Pour l' Ere Nouvelle, D-ro Ad. Ferriere, 10 Chemin Peschier, Champd., Genf. Kiu volas subteni tiun movadon al ni parencan abonu la gazeton!

Por la bulgara, hungara, itala kaj hispana regionoj demandu ĉe la Administrejo.

## Propagando.

Por ĉiu nova abonanto vi ricevas rabaton de 20% de la kotizo. Kiu varbis 6 novajn abonantojn, krom tio ricevas senkostan membrokarton kaj abonon por 1928.

## Korespondado.

K-do. **F. Jankovsky** (instruisto) Myslkov, p. Sedlec na dr. W. C. S. R. deziras interkorespondi pri demandoj pacaj.

Presejo: Dr. Karl Pickert, Leitmeritz. Bohemio.

# TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj en | Mono al Int. Ped. Revuo | Kotizo por ** T.A.G.E. |
|---|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 | 1,2 |
| Argentina | pes. or. | 2 | 0,8 |
| Aŭstria | ŝil. | 4 | 1,6 |
| Belga | nova mono | 4 | 1,6 |
| Brazila | milr. | 4 | 2 |
| Bulgara | lev. bulg. | 80 | 30 |
| Ĉekoslovaka | kron. ĉek. | 20 | 8 |
| Dana | kronoj d. | 2,5 | 1 |
| Estona | mark. est. | 250 | 100 |
| Finnlanda | mark. finl. | 25 | 10 |
| Franca | frankoj fr. | 12 | 5 |
| Germana | mark. or. | 2,50 | 1 |
| Greka | drahmoj | 42 | 16 |
| Hispana | pesetoj | 4 | 2 |
| Hungara | kronoj or. | 2,5 | 1 |
| Itala | liroj ital. | 15 | 6 |
| Japana | jen. | 1,5 | 0,6 |
| Jugoslava | dinaroj | 35 | 14 |
| Litova | lid. | 6 | 2,4 |
| Latva | lat. | 3 | 1,2 |
| Nederlanda | gulden. | 1,50 | 0,6 |
| Norvega | kron. norv. | 3 | 1,2 |
| Pola | zlot. | 4 | 1,6 |
| Portugala | eskud. | 12 | 5 |
| Rumana | lev. rum. | 120 | 50 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,25 | 0,50 |
| Sveda | kron. sv. | 2,5 | 1 |
| Svisa | frank. sv. | 3,5 | 1,4 |
| Usona | dolaro | 0,75 | 0,3 |

**) Abonantoj de Int. Ped. Revuo nur pagas duonan kotizon.

Abonon por Int. Ped. Revuo kaj kotizon por TAGE sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— por la germ. asocio, 0.50 por TAGE kaj 2.50 M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No. 27.857", membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, Dresden, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.



## Varbu abonantojn por Int. Ped. Revuo

## ABONINTOJ! ŜPARU MONON!

**Renovigu vian abonon pere de niaj agentoj**

| Landoj | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Aŭstria: | Josef Feder, Wien II/1, Erlafstr. 8/9. |
| Belga: | Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801. |
| Blankrusa: | Agentejo Esperanto, D. Snejko, Minsk, Poŝtkesto 33. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Gabarevo, Kazanlika regiono. |
| Ĉekoslovaka: | Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Franca: | E. Vittecoq, instit. à. Bourville par Fontaine-le-Dun (S. Inf.). |
| Germana: | Goldberg, Frohburgerstr. 68 p. Leipzig-S 3 |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petrovič, Skadarska 35, Beograd, Serbio. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |
| Sveda: | Sam Jansson, Rektoro, Beskowska Skola, Stockholm-Ö. |

## Ĉu vi propagandas por Int. Ped. Revuo

## Propagando.

*Se vi konas Esperanto-instruiston, kiu ne jam legas Int. Ped. Rev. bonvolu sciigi ties adreson al la administrejo.*